19-a JARO. N-ro 1 (199) JAN.-FEBR. 1933.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono: 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES
H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, S-ino J. VAN DER VEKEN, M. DE KETELAERE.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

GENERALA KUNVENO 1933

Karaj Geliganoj!

Ni havas la honoron inviti vin por ĉeesti la Generalan Kunvenon de « Belga Ligo Esperantista », kiu okazos en Bruselo dimanĉon, 4an de Junio 1933, je la 11a h. matene en la salono de « La Cigno », Granda Placo 9, Bruselo.

*TAGORDO:*

1. Malferma alparolo de la Liga Prezidanto.
2. Raporto de la Generala Sekretario.
3. Raporto de la Kasisto.
4. 25a Universala Kongreso en Kolonjo.
5. U.E.A. agado en 1932. Raporto de la Ĉefdelegito.
6. Nia estonta agado. Esploro de la propagandaj rimedoj.
7. « Bonhumoro », laŭ la libro de Paul Nyssens, parolado de F-ino Yvonne Thooris, prezidantino de la Reĝa Bruĝa Grupo Esperantista.
8. Diversaj proponoj kaj komunikaĵoj.

Ni faras varman alvokon por ke oni ĉeestu multnombre nian jaran kunvenon. Oni profitu la okazon por pasigi du agrablajn tagojn en Esperantujo, kie oni enspiras la puran aeron, kiu igas la korojn pli altaj, kiu incitas al bono, al toleremo kaj al grandanimeco!

Ni do kalkulas je granda ĉeestantaro kaj intertempe ni prezentas al vi la esprimon de niaj plej sinceraj samideanaj sentoj.

Je l'nomo de « Belga Ligo Esperantista »:

*La Generala Sekretario,*
Henri PETIAU.

*La Prezidanto,*
Frans SCHOOFS.

# XXIIa BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

## BRUSELO, 3-5 JUNIO 1933

Ni havas la honoron inviti vin al la **22a Belga Kongreso de Esperanto**, kiu okazos dum la proksimaj Pentekostaj tagoj en Bruselo.

Ni ne dubas ke la centra lokiĝo de la kongresurbo, la graveco de nia tagordo kaj la organizo de la distraĵoj instigos la Esperantistojn en Belgujo kaj apudaj regionoj, multnombre ĉeesti nian ĉiujaran feston.

## PROGRAMO

### Sabaton, la 3an de Junio

*Je la 16a h.:* Malfermo de la Akceptejo en la kafejo « La Sako », Granda Placo, 4.

*Je la 20 h. 30:* en la salono de la sama ejo: Ĝenerala laborkunsido de la membroj de Belga Ligo Esperantista: Libera tagordo. — Poste: Intima kunesto.

### Dimanĉon, la 4an de Junio

*Je la 8a h.:* Katolika Diservo en la kapelo de St. Louis, rue du Marais, Broekstraat, kun prediko en Esperanto de Patro De Cort.

*Je la 9 h. 30:* Demeto de floroj sur la tombo de la nekonata militinto.

*Je la 10a h.:* Akcepto en la Urbodomo.

*Je la 11a h.:* Solena malfermo de la Kongreso en la salono « La Cigno », Granda Placo 9. — Ĝenerala kunveno de Belga Ligo Esperantista. Post la kunveno fotografado de la kongresanoj.

*Je la 13 h. 30:* Festeno en la salono « La Cigno », Granda Placo 9. Prezo: Fr. 25,—. (Trinkmono inkluzive).

*Je la 17a h.:* Kunveno de la U. E. A.-membroj « Belga Teritorio », en la salono « La Sako », Granda Placo, 4.

*Je la 20a h.:* en la salono « La Cigno »: Koncerto kaj Teatra Festo kun la kunlaborado de la teatra sekcio de la « Reĝa Bruĝa Grupo Esperantista », kiu ludos la teatraĵeton: « KUZETO » de M. Balucki, el pola lingvo tradukita de S. Grenkamp.

Post la prezentado okazos Dancado.

### Lundon, la 5an de Junio

EKSKURSO AL LA « PENTRINDA BRABANTO » (Linkebeek):

*Je la 9 h. 30:* Kunveno en la Akceptejo.

*Je la 10a h.:* Forveturo de Placo Rouppe per elektra tramo al Espinette Promenado en la arbaro (Forêt de Soignes — Zoniënbosch).

*Je la 13a h.:* Komuna tagmanĝo en la « Laiterie de Fond'Roy », Placo de la Sankta Alianco. (Prezo Fr. 15,— trinkmono inkluzive.)

Poste promenado al Linkebeek tra la regiono konata sub la nomo « Pentrinda Brabanto ».

La reveturo al Bruselo povas okazi laŭvole el la stacidomo de Linkebeek per vagonaroj forirantaj je 18h.10 — 18h.33 — 18h.51 — 19h.26, alvenantaj en Bruselo-Suda Stacidomo respektive je 18h.25 — 18h.44 — 19h.04 — 19h.38. Prezo de la vojaĝbileto: Fr. 2,—.

*Ne forgesu, per revenanta poŝto resendi al la Loka Organiza Komitato la ĉi kunan aliĝilon.*

# BELGA KRONIKO

**ANTVERPENO.** — **Reĝa Esperanto-Grupo "La Verda Stelo", s.s.p.c.** — Por komenci la jaron la membroj je la 7a de Januaro laŭtradicie vizitis la malnovan Pulĉinelan Kelon, kie sukoplena teatraĵo gajigis ilin. La 14-an S-ro H. Vermuyten prezentis la duan parton de sia parolado pri la Greka antikva teatro, kiu havigis al li belan sukceson. La 21-a okazis la ĉiujara ĝenerala kunveno de la grupo, dum kiu raportis S-ro Aug. Faes, Sekretario de la ĉiutaga komitato, pri la ĝenerala agado de la grupo dum la jaro 1932, kiu estis jaro de granda laboro pro la organizo de la jubileaj festoj kaj pro tiu de la Belga Kongreso, kiun nia urbo gastigis. Ankaŭ raportis pri la financa stato de la grupo S-ro Edg. De Coster, administranto-kasisto. S-ro F. Schoofs, Administranto-prezidanto, havis la okazon danki ĉiujn fidelajn kunlaborantojn dum la pasinta jaro, inter kiuj ĉefe estas citindaj S-roj Maurice Jaumotte kaj Aug. Faes, respektive prezidanto kaj sekretario de la ĉiutaga komitato, kaj S-ro Edgard De Coster suprecitita; li ne forgesis esprimi dankon al la profesoroj, kiuj gvidis kursojn en 1932: F-ino Maria Jacobs, S-roj Boffejon, De Hondt, De Ketelaere, Faes kaj Jaumotte. La prezidanto poste gratulis kaj dankis S-inojn Math. Landerwyn-Bockholts, Germ. De Schutter-Kenens, J. Van der Veken-Van Bockel kaj El. Van Reybrouck-De Waegenaere pro ilia dekjara membreco, je la memoro de kiu fakto li trandonis al ili la honormedajlon de la grupo. Por festi la datrevenon de la fondiĝo de la societo okazis festeno, la 28an de Januaro, en kiu kvardeko da membroj partoprenis.

La 11an de Februaro okazis ĝenerala kunveno, kiu elektis la Administrantaron; S-rojn Fr. Schoofs, Edg. De Coster, Gust. Vermandere, Morris De Ketelaere, Hector Boffejon kaj Ch. Van der Veken kaj la komisarojn: S-rojn M. Bolsius, L. De Hondt kaj. Osc. Van Dyck. La saman vesperon oni admiris belegajn lumbildojn kun interesaj klarigoj de S-ro Edg. De Coster pri vojaĝo de li farita tra la Vogezoj. La 18an faris paroladon pri « Individualismo » S-ro H. Boffejon, pri kiu okazis vigla diskutado du semajnojn poste. Je la okazo de la karnavala periodo la membroj havis la 25an de Febr. intiman maskobalon kun surprizoj.

**AALST.** — **B.L.E. Sekcio Aalst-Alost.** — Nia sekcio tre ageme pasigis la lastan jarkvaronon. Unu kunsido po du estis dediĉata al pliperfektiĝo en lingvokono, ĉu per gramatika studado, ĉu per legadoj el « Fundamento » aŭ aliaj verkoj.

La 20an de Oktobro ni komune decidis, pro materia, tamen grava kialo, — nome la malebleco havi hejtitan salonon —, elekti alian ejon. Tiu nova ejo, la « Burgershuis », estis brile inaŭgurata, la 3an de Novembro, per tre interesa, kaj longe aplaŭdita, parolado farita de S-ro Cogen, Vic-Prezidanto de B.L.E.; tiun paroladon — temis pri « Esperanto kaj Stenografio » — ankaŭ ĉeestis delegito de la alia loka grupo.

La 17an de Novembro, nia juna kaj lerta samideano Legrand faris interesan paroladon pri la Mnemonika Instituto de S-ro Fajnstein, el Vilno.

La 1-an de Decembro, S-ro De Kegel, Delegito de U.E.A. donis provlecionon

laŭ la Cseh-metodo, aldonante kelkajn klarigojn pri la tuta metodo kaj pri la atingitaj kaj atingeblaj rezultoj.

La 15-an, okaze de la « Libro-Festo », okazis libro-vendado kiu bone sukcesis.

La 12an de Januaro, okazis nia jara ĝenerala kunveno, kiun malfermis la Prezidanto per parolado, en kiu li rapide trairis nian tutan agadon dum la pasinta jaro, elĉerpante tiujn punktojn, kiujn ni devas kun plia zorgo konsideri dum nia estonta agado. Li insistis sur la brilaj rezultatoj, atingitaj — precipe laŭ organiza vidpunkto — de nia juna sekcio, kaj fine, post dankvortoj al siaj kunlaborantoj, li ankaŭ aldonis personajn bondezirojn al la ĉeestantoj kaj al ĉiuj esperantistoj samurbanaj. La Sekretario kaj la Kasistino prezentis siajn raportojn, kaj poste la grupa Komitato estis reelektita. La Vic-Prezidanto, S-ro Van der Elst, kiu pro profesiaj okupoj ne povis akcepti la renovon de sia mandato, estis anstataŭata per S-ro Legrand, kies elekto estis vigle aplaŭdita.

Sekvis longa diskuto pri la Reorganizo de la Esperantista movado, kies konkludo estis ĝenerala malaprobo pri tiu reorganizo, kaj esprimo de unuanima deziro ke UEA daŭrigu ŝian ĝis nun tre laŭdindan agadon kaj rilatojn kun ĉiuj esperantistaj societoj.

La 19an kaj la 26an, pro malsukceso de la letervespero, niaj kunsidoj estis dediĉataj al pliperfektiga kurso kaj al diversaj legadoj.

**BRUĜO.** — **Bruĝa Grupo Esperantista.** — **Reĝa Societo.** — Dum la unuaj semajnoj de 1933 pluraj gemembroj tributis al vintraj malsanetoj, tiamaniere ke la ĉiusemajnaj kunvenoj ne estis konstante vizitataj. Diversaj laŭprogramaj punktoj devis esti prokrastataj. Tamen la 31-an de januaro, povis okazi la ĝenerala grupa kunveno, kvankam kun malmulta ĉeestantaro. Post la kutimaj raportoj : morala de la prezidantino F-ino Y. Thooris, priagada de la sekretario S-ro Ch. Poupeye, kaj financa de la kasisto S-ro G. E. Guillaume, kaj ĉiuj bonkonkludaj, la kunveno ekzamenis diversajn proponojn kaj decidis interalie fidele sekvi la Belgan Ligon en ĝia sintenado rilate al la organiza proceso U.F.E.—U.E.A. Plia propono de la sekretario antaŭvidante Esperanto-ekspozicion kiel propaganda rimedo por la komenco de la estonta vintro estis favore akceptata por pristudo.

La 14-an de februaro okazis la unua leciono de la supera kurso sub gvidado de F-ino Y. Thooris. Tiu perfektiga kurso, kiu nun estas baldaŭ finiĝonta, havis grandan sukceson kaj ni ne scias kiu estas plej gratulinda, ĉu la lerta kaj ĉiam interesiga kursgvidantino, ĉu la fidelaj kaj nelacigeblaj gelernantoj.

La kunvenoj de marto estis grandparte dediĉataj al tiu kurso, krom tiu de la 21-a, kiam okazis korespondа vespero sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye. Sekve de anonco en « Esperanto » de U.E.A., alvenis entute 33 korespondaĵoj el 14 landoj. Ĉiuj estis legataj kaj disdonataj por respondo inter la gemembroj laŭ la montritaj aŭ supozitaj preferoj de la skribintoj pri personoj kaj temoj.

En la kunveno de la 11-a de aprilo, en la grupa sidejo, Sinjoro Joseph De Coster, samgrupano, povis fine fari, post dumonata nevola prokrastado, sian priparoladon pri « Sovjeta Teatro ». Li sciigis al la ĉeestantoj tre interesajn detalojn pri la organizo de la ŝtataj teatroj en Sovjetujo, pri iliaj famaj reĝisoroj kaj aktoroj, iliaj propagandceloj, k.t.p. Li akiris tre merititan sukceson.

LEDE. — Je la 12a de Januaro, S-ro De Kegel, el Alosto, organizis en la salono « De Volkskring » paroladon propagandon, kiun faris antaŭ plenega ĉambro S-ro Fr. Schoofs, prez. de Belga Ligo Esp. kaj Ĉefdel. de U.E.A. Post la parolado prezentis S-ro De Kegel la unuan lecionon laŭ la metodo de S-ro Cseh. La sukceso estis granda: pli ol kvardek personoj sin enskribis por la kurso, kiu konsistos el 16 lecionoj duhoraj, kaj por kiu la enskribo kostis Fr. 50,—. Ni gratulas S-ron De Kegel pro la akirita rezulto.

---

## GRUPA KALENDARO

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

6 Majo : Ĝenerala monata kunveno. Diskutvespero pri senlaboreco, enkondukota de S-ro Ch. Van der Veken.

13 Majo : Rakontada vespero.

16 Majo : je 20 h. en la Urba Instituto, Belgiëlei, 99, Avenue de Belgique : a) malfermo de nova elementa kurso. Profesoro Hect. Vermuyten ; b) malfermo de nova perfektiga kurso. Profesoro M. De Ketelaere.

20 Majo : Kantado kaj amuza vespero.

21 Majo : Ekskurso al Cappellenbosch. (Kunveno en la Centra Stacidomo je 8 h. 30.)

27 Majo : Legado de Teatraĵo.

3-4-5 Junio : 22a Belga Kongreso de Esperanto en Bruselo.

Ĉiu sabata kunveno komenciĝas je la 20 h. 30 per kvaronhoro da lingvaj ekzercoj ; alia duonhoro estas dediĉata al parolata ĵurnalo, kiun prezentas ĉiufoje alia membro.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo : « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

2 Majo : Humora Vespero, Prezidos S-ro G. E. Guillaume.

9 Majo : Esperantaj Ludoj, Prezidos F-ino Y. Hubrecht.

16 Majo : Ĝenerala Kunveno de U.E.A. (Bruĝo). Prezidos S-ino M. Algrain (prokrastita de februaro ; Grupanoj ne U.E.A.-anoj povos ĉeesti kiel observantoj). Poste : Aliĝoj al la 22-a Belga Kongreso.

23 Majo : Debato : « Kial plenkreskuloj kaj infanoj amas dombestojn », Prez. F-ino Y. Thooris.

30 Majo : Lastaj aranĝoj por la 22-a Belga Kongreso. Prez. S-ro Ch. Poupeye.

BRUSELO. — **" Esperantista Brusela Grupo ".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

# NIA FAMILIA KRONIKO

## GRATULOJ

Al F-ino **Gaby Van der Veken**, el Wilryck, membrino de « La Verda Stelo », kiu edziniĝis la 7an de Novembro kun S-ro William-Henry Coventry, el St. Arvans, Purley, Surrey (Britujo).

Al Ges-roj **Herman De Schutter-Smette**, membroj de « La Verda Stelo », Antverpeno, al kiuj naskiĝis fileto Jan, la 11an de Januaro.

Al Ges-roj **L. De Hondt-Hubens**, Komisaro kaj profesoro de « La Verda Stelo », Antverpeno, al kiuj naskiĝis fileto Henri, la 19an de Februaro.

Al Ges-roj **Charles Poupeye**, sekretario kaj membrino de la Bruĝa Grupo, pro naskiĝo de filineto: Yvonne, 22-2-33; plie al ŝia aminda baptopatrino, F-ino Yvonne Thooris, grupa prezidantino, kaj fine al ŝia frateto Sinjoreto Karlo Poupeye, plej juna membro de la grupo.

## NEKROLOGO

Al S-ro **Léon Cogen**, vicprezidanto de Belga Ligo Esperantista, ni prezentas niajn plej korajn kondolencojn pro la morto de lia kara patrino, S-ino Vidvino Alphonse Cogen-Berghgracht, okazinta la 19an de Januaro.

Al F-ino **Emma Longé**, fidela membrino de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ŝia fratino F-ino Julienne Longé, 27-2-'33.

Al Ges-roj **G. Richard-Haenen** kaj ilia filino Simone, ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn pro la morto de ilia fratino kaj onklino, S-ino Juliette Charlotte Antony.

---

# LA LEVIĜO DE LA SUNO

Oni vidas ĝin, anonci sin de malproksime, pro la strekoj de fajro, kiujn ĝi ekĵetas antaŭ si. La brulego pligrandiĝas, la oriento ŝajnas en flamoj: je iliaj briloj oni atendas la astron, longe antaŭ ol ĝi montras sin; je ĉiu momento oni kredas vidi ekaperi ĝin; fine oni ĝin vidas. Brila punkto deiras kiel fulmo kaj plenigas tuj la spacon; la vualo de la mallumoj foriĝas kaj falas; la homo rekonas sian restejon kaj trovas ĝin plibeligita. La verdaĵoj prenis dum la nokto novan fortikecon. La naskiĝanta tago, kiu lumas ĝin, la unuaj radioj, kiuj orumas ĝin, montras ĝin kovrita per brila reteto de roso, kiu resendas al la okulo, la lumon kaj la kolorojn. La birdoj kunvenas kaj salutas kune la patron de la vivo: en tiu momento neniu el ili silentas, ilia pepado, ankoraŭ malforta, estas pli malrapida kaj pli dolĉa ol en la cetero de la tago: ĝi estas influita de la senenergio de pacema vekiĝo. La kunhelpo de ĉi-tiuj objektoj portas al la sentoj impreson de freŝeco kiu ŝajnas penetri ĝis la animo. Estas duonhoro de ensorĉo al kiu neniu homo necedas: spektaklo tiel granda, tiel bela, tiel bonega lasas neniun indiferenta.

J.-J. ROUSSEAU.

Tradukita de P. Rogiers.




# EL BULTENO N-RO 3

*Donacoj* por la kongresa kaso: Ĝis nun ni ricevis gmk. 104,27.

*Blindula Kaso:* La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 94,36.

*Konsilantoj:* La LKK alelektis s-ron Rausch kiel konsilanton.

*Aliĝoj:* Ĝis nun anoncis sian aliĝon 354 personoj el 26 landoj. Laŭlanda statistiko: Alĝerio 1, Anglujo 35, Aŭstralio 1, Aŭstrio 8, Belgujo 18, Ĉeĥoslovakujo 13, Danujo 2, Dancigo 1, Estonio 1, Finnlando 1, Francujo 42, Germanujo 144, Hispanujo 12, (inter ili tri el Katalunujo), Hungarujo 3, Italujo 13, Japanujo 1, Jugoslavujo 1, Nederlando 23, Nederl. Hindujo 1, Polujo 14, (inter ili n-roj 1—12 rezervitaj por familio Zamenhof), Rumanujo 1, Saar-teritorio 1, Skotlando 4, Svedujo 5, Svislando 8.

*Fakaj kunvenoj:* Krom la jam cititaj oni anoncis la sekvantajn fakajn kunsidojn: (Pri detaloj oni turnu sin al la organizantoj):

Internacia Radio-Servo: S-ro Johannes Jungfer, Lindenstr. 10, Lübben (Spreewald), Germ.

Internacia Societo de Esperantistaj Juristoj: S-ro R. Chapron, 32, rue des Champs, Le Mans, Francujo.

Kristana Esperantista Ligo Internacia: S-ro Paul Hübner, Pölkenstrasse 4, Quedlinburg, Germanujo.

Stenografio: S-ro J. Berger, Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germanujo.

Studentoj: Klub Esperantista Akademicara, Primorska 11, Zagreb. Sveucilište, Jugoslavio.

Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj: S-ro C. W. Roome, 21, Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.

Universala Asocio de Blindulorganizaĵoj: S-ro J. Kreitz, Herkulesstr. 97, Köln, Germanujo.

Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio.

Bahaanoj: S-ro D-ro H. Grossmann, Friedrich Voglerstr. 26, Weinheim, Baden.

Framasonoj: S-ro Carl Barthel, Wöhlerstr. 14, Frankfurt/Main.

Aliaj organizantoj bonvolu sufiĉe frue anonci siajn dezirojn.

*Festa iluminado dum la kongreso.* La urbo Köln promesis feste iluminadi la katedralon, pontojn kaj rejnbordojn, okazaĵo kutima nur ĉe gravaj festoj.

*5000 ekzemplerojn de nova gvidfolio* konsentis al ni la magistrato de la urbo Köln. Ili estas senpage riceveblaj ĉe la adreso de la LKK, Trajanstr. 25, Köln.

*Karavanoj jam anoncitaj:* Angloj, Aŭstroj, Italoj, Nederlandanoj, Svedoj, Francoj.

Internacia alcentra aerflugaro el ĉiuj lokoj, de kiuj ekzistas regula aertrafiko rekte al la kongresurbo aŭ al Berlin. Oni bonvolu turni sin al: Friedrich Ellersiek, Wilmsstr. 5, Berlin SW 61 (Germ.).

*Pago de kotizo:* La kondiĉoj pri forsendo de la mono estas malsamaj en la diversaj landoj. Tial ni rekomendas informiĝi ĉe nacia, resp. ŝtata bankoficejo enlanda. Laŭ niaj informoj ĉiukaze estas eble, iamaniere forsendi tiel malgrandan sumon eksterlanden.

*Pasporto.* Estas oportune sin turni al la plej proksima germana konsulejo, kiu donas informojn pri pasporto, vizo, ktp.

*Specialaj kontoj por kongresanoj:* Ĉar grandaj monsumoj ne estas forsendeblaj el diversaj landoj, LKK aranĝos al la kongresanoj specialajn kontojn, al kiuj oni iom post iom povas pagi iujn sumojn. La senditaj sumoj estos repagataj al la kongresanoj post ilia alveno en Köln.

*Loĝigo:* La loĝigon aranĝos la Fremdultrafika Oficejo de la urbo Köln. En konvena tempo la oficejo dissendos mendilojn por loĝejoj. Jam nun ni povas informi, ke bonaj ĉambroj kun matenmanĝo estas haveblaj por 3—8 gmk. Detaloj sekvos.

La prezoj por tag- kaj vespermanĝoj varias inter gmk. 0.80 kaj 2, inkluzive trinkmono.

LKK sukcese klopodis pri *malkaraj loĝejoj;* detaloj en la venonta bulteno.

*Informpetoj:* Al ĉiuj informpetoj oni nepre aldonu respond-kuponon. Bonvolu ne peti informojn jam donitajn en la ĝisnunaj bultenoj, ĉar estas ne eble al ni, diversfoje ripeti al unuopaj petantoj la jam faritajn informojn.

*Ju pli baldaŭ vi aliĝos, des pli multe vi faciligos nian laboron!*

Loka Kongresa Komitato

## INTERNACIA ALCENTRA FLUGARO AL KÖLN

Ĝi estas aranĝata de Friedrich Ellersiek, Berlin, kune kun Deutsche Luft Hansa, Berlin, kaj aliaj aertrafik-kompanioj, okaze de la 25a Universala Kongreso de Esperanto en Köln.

Informpetojn (kun aldonita afrankaĵo!) kaj sinanoncojn oni sendu nur al Friedrich Ellersiek, Wilms-Str. 5, Berlin SW 61 (Telef.: F 6 Baerwald 8303).

Jen surprizo. Mi aranĝas ĉi tiun unuan alcentran flugaron E-istan por fari reklamon por la Kongreso kaj propagandon por Esperanto entute.

### PROVIZORAJ INFORMOJ:

1. ELIRLOKOJ estas ĉiuj flug-havenoj en Eŭropo, de kiuj ekzistas regula komunikado kun la kongresurbo aŭ kun Germanujo entute.

2. PARTOPRENI en la flugaro povas ĉiu persono, kiu indikas la kongreskartan numeron kaj ĉe mi mendas ankaŭ hotelan loĝejon en Köln kun duona pensiono por minimume sep tagoj (vidu sub 4). Mi sendas la regularon (en E) afrankite kontraŭ respondkupono.

3. La FLUGPREZOJ estas malpli altaj ol la laŭtarifaj, sed la rabato laŭ procentoj ne estas tiel granda kiel por fervojaj karavanoj. Tamen antaŭmendante ankaŭ reflugon, estos rabato de 25 ĝis 30 %. La reflugo povos okazi en laŭvola tago, kompreneble antaŭe fiksita. Oni bonvolu demandi la deziratan flugprezon ĉe mi per poŝtkarto kun afrankita respondkarto.

4. La HOTELO EN KÖLN, en kiu loĝos la partoprenintoj, estas tre bona kaj situas proksime de la ĉefstacidomo kaj de la granda Rejn-ponto, kiu kondukas senpere al la Kongresejo. Pli oportuna situo apenaŭ estas trovebla. La hotelkostoj estas enkalkulataj en la flugar-prezojn; ĉi tiuj ampleksos: transporton de la pasaĝero el la elirloko al ĝia flughaveno (kie tia servo laŭplane ekzistas); flugon al Köln (eventuale ankaŭ reflugon); transporton de la pasaĝero de la flughaveno al la hotelo en Köln; septagan loĝadon (29. 7. ptm. ĝis 5. 8. tm.) kun duona pensiono (matenmanĝo kaj granda vespermanĝo); trinkmonojn kaj lokajn impostojn; asekuriĝon de la pasaĝero por la flugo (maksimuma asekur sumo: 25.000 RM). P. ELLERSIEK.

---

## TUTMONDA LINGVO KAJ TUTMONDA SKRIBO

La natura forto de la inerteco havas multe pli gravan influon al ĉiu fariĝo en la tuta mondo ol oni ordinare volas konsenti. Kiel en la kampo de la materio tiel ankaŭ en la sfero de la mentaleco, ĝi — la forto de la inerteco kvazaŭ kiel natura leĝo — tiel ege malhelpas la progreson, ke la stato en iu aŭ alia sfero fariĝis praeca: halto estas malprogreso!

La lingva problemo, kiu nepre havas eminentan gravecon, estis tre malfrue solvita; nur ĉirkaŭ la jaro 1880 realiĝis la ideo, krei simplan, neŭtralan lingvon kiel interkomunikilon inter popoloj diverslingvaj. Oni ekkonis, ke estis treege malpraktike kaj malracie lerni ĉiujn tiujn lingvojn de la popoloj, kun kiuj oni volis korespondi. La ideo realiĝis ne nur pro tio, ke tiam, kiam la evoluo de la tutmonda trafiko rapidege progresis, ekzistis tre favoraj cirkonstancoj. Evidentiĝis, ke oni povus ŝpari penon, tempon kaj, per tio, ankaŭ monon. Kvankam ja ree efikis la forto de la inerteco kaj montris sian malhelpan influon, tamen la movado de artefarita lingvo gajnis respektindan anaron, multajn amikojn kaj favorantojn. La unua projekto Volapük devis baldaŭ abdiki favore al la vivkapabla Esperanto, kiu pruvis, kiel oni hodiaŭ povas konstati kun ĝojo kaj kontentiĝo, sian plenan taŭgecon por ĉiuj sferoj de la internaciaj rilatoj. Ĝi servas al la sciencoj, al la negoco kaj trafiko, al la polico, al la ĝenerala interkomunikado, ktp.

Oni jam de longe rekonis, ke la kreo de Esperanto estas vera kulturfaro, kiun oni povas laŭ ĝia valoro senhezite envicigi apud la invento de la maŝino. La celo ja ankoraŭ ne estas atingita; ankoraŭ multaj homoj penadas lerni plurajn fremdajn lingvojn, oferante multege da tempo, laboro kaj mono, ankoraŭ libroj, gazetoj kaj aliaj komunikaĵoj, destinataj por internacia interkompreniĝo, estas tradukataj en multajn lingvojn; tamen oni jam bone progresas ankaŭ ĉi tie per Esperanto. Oni povas tute neprofete antaŭdiri, ke post kelkaj jardekoj en la sfero de la lingva interkomunikado oni pli racie agos ol hodiaŭ, ke oni

uzos simplan, nenacian lingvon, do Esperanton, ĉie kaj ĉiam, kie kaj kiam diverslingvaj homoj kaj popoloj interrilatos.

Nun ekestas la demando: kiaj estas la cirkonstancoj en la sfero de la skribo? Ĉu ankaŭ ĉi tie oni komencis tiel radikale reformi? Ho ne! oni ankoraŭ skribas la saman malrapidan, tempon kaj forton rabantan longskribon kiel antaŭ jarmiloj. Ankaŭ ĉi tie regas la sama malracieco kiel en la sfero de la lingvo, kaj la kaŭzo estas ankaŭ ĉi tie la sama: la inerteco malfaciligas al la homo mentale adapti sin al novaj cirkonstancoj; oni nur malfacile povas forlasi malnovajn kutimojn. La longskribo efektive malmoderniĝis. Konvena al nia epoko estas la stenoskribo, ĉar nur ĝi ebligas racian skriblaboron.

Intersteno, la tutmonda stenoskribo, estas forigonta la malkonvenan longskribon, simile kiel Esperanto kiel internacia lingvo fariĝos la lingva interrilatilo de ĉiuj popoloj. Intersteno estas la simpla, klara, facile lernebla kaj por ĉiu homo konvena stenoskribo, kiel Esperanto estas la simpla, klara kaj facile lernebla dua lingvo por ĉiu. Intersteno volas servi al la tuta homaro en la skriba sfero, same kiel Esperanto en la lingva.

Kial Intersteno estas la preferinda tutmonda stenoskribo? Tial, ĉar ĝi estas laŭ sia konstruo jen nacia, jen internacia stenoskribo. La samaj signoj kun la sama signifo kaj la sama apliko estas uzataj por pli ol du dekduoj da lingvoj. Per la sama stenoskribo oni povas skribi en sia hejmlanda lingvo kiel en Esperanto aŭ alia lingvo. Ne estas necese klarigi, kiom grava valoro kuŝas en tio. Precipe al la Esperantistaro Intersteno alportos valoran helpon. Esperantistoj volas interrilati kun la tuta mondo, sed ĝis nun ili devis oferi multan tempon al la skriba laboro. Per Intersteno ili povus pli malpene korespondi.

Do, Esperanto kaj Intersteno apartenas unu al la alia. La unua alportas fundamentan reformon por la bono de la homaro en la sfero de la lingvo, la dua en la sfero de la skribo. Intersteno pledas, varbas kaj laboras por Esperanto. La Intersteno-movado praktike uzas Esperanton. La lernolibroj de Intersteno estas plejparte eldonataj en Esperanto, kaj la nacilingvaj atentigas pri Esperanto. Do, la Esperantistoj ankaŭ okupiĝu pri Intersteno, ili ŝatos ĝin kaj pli multe kaj plivolonte praktikos Esperanton, ŝparante per Intersteno tempon kaj penon en la skribaj laboroj.

Ĉiujn informojn oni ricevas de la Intersteno-Instituto, Friedenstr. 79, Duisburg (Germanujo).

---

# NE PROKRASTU!

## pagi vian kotizon por 1933.

La grupaj membroj pagu al la kasisto de sia grupo.

La izolaj membroj pagu al la Poŝtĉeko N-ro 1337.67 de Belga Ligo Esperantista

**Fr. 30,---.**

---

# ANTAŬ LA FORGESO

## Infano-Revanto

— Aŭskultu la malgrandan beston!

Tiujn vortojn diris al mi mia patro, sur kies genuoj mi koleretas, sidanta juninfane, en ĉemizo. Ni estas ĉe la fotografisto, kaj la « malgranda besteto » estas la tiktako de la poŝhorloĝo, premita sur mia orelo, por ke mi restu trankvila.

Tiun bildon mi nunmomente havas antaŭ la okuloj. Mia patro estas reprezentita tre bruna, kun lip- kaj kapharoj tre densaj, kun barbo mallonge tranĉita sur la vangoj montrante razitan mentonon, laŭ la tiama modo; kaj mi, tutsimple kiel bubo, kiu ne scias, ĉu li ploros aŭ ridos. Sur la dorsflanko de la bildo mia patrino skribis: Majo 1861.

Mi estas dujara.

Kaj jen la poŝhorloĝo — sed nun estas mi, kiun ĝin tenas — la sama, plata kaj maldika, kaj dolĉsenta sub kareso, kies nielita oro ravis min. De longe jam ĝi haltis. « La malgranda besto estas mortinta ». Sed eĉ se ĝi daŭrus vivi, mi ne plu aŭdus ĝin. Ĉiufoje ja, kiam mi rigardis min sur tiu bildo, kie mi tiel bone aŭskultas, mi ne povis ne trovi ion strangan kaj profetecan en tiu fakto, ke la plej malproksima el miaj rememoraĵoj, kiu igis min konscii pri mia ekzisto, estas ligata al *du sonoj:* unue al tiu de homa voĉo, la unua kiu min trafis, kiun mi komprenis kaj kiu estis la patra voĉo, kaj poste al la tiktako de poŝhorloĝo, kiu estis la voĉo de la tempo, jam preterpasanta. *Du aŭskultadoj.* Kaj tio kvazaŭ por moki — aŭ averti la homon, kiun frue kaj longe antaŭ lia maljuneco suferigos plej doloriga surdeco. *Eironeia.*

## Mi estas perdita

En 1863 ni loĝis sur la placo de la Palaco-Bourbon.

Kiam mia patrino kondukis min, por ludi, al la ĝardeno de Tuileries kaj kiam estis la horo por reiri hejmen, ni revenis laŭ la strato Rivoli kaj, komprenehle, marŝante laŭ la bela flanko, tiu kun la arkadoj. Ĉiu butiko, kvankam antaŭvidita en mia memoro, ĉiufoje prezentis al miaj okuloj novan plezuron. Mi estus volinta min interesi pri ĉiuj. Unu, inter aliaj, min allogis: malgranda gantejo, iom antaŭ la strato de Castiglione. De ekstere oni vidis kontraŭ si, apud la vitro de la montra fenestro, la nuran laboriston, maljunulon en blanka kitelo — kiu sendube estis la mastro — dum li taŭzis la felojn. Oni vidis lin, ilin tranĉi, ilin premegi, ilin skrapi por eligi el ili pli delikatan lanugon ol tiu, kiu kreskas sur la ventro de la birdetoj. Dekstre kaj maldekstre de la ŝtona tablo, sur kiu li laboris, estis vicigitaj la kudritaj gantoj, kun unu aŭ du butonoj, pretaj por la vendo. Estis tie gantoj el ĉiuj nuancoj, ne nur nigraj kaj blankaj, nuks- kaj ĉokoladkoloraj, estis ankaŭ rozaj, pale bluaj, malvoviolaj, pistak-verdaj, kaj granatnuancaj... kaj por ĉiuj mezuroj de virinkaj infanmanoj. Gantoj por viroj ne estis. Sed ankaŭ en la samaj nuancoj, kompleta kolekto de pupogantoj, tiel mirigaj kaj tiel ĉarmaj en sia malgrandeco, ke mi ŝatis ilin pli ol tiuj por grandpersonoj.

Nu, iun tagon, neatendinte ĝis ni estos antaŭ tiu feliĉiga magazeno, mi elkuris el la mano de mia patrino, dudekon da paŝoj antaŭe, kaj subite, post satigo de mia scivolo, mi ne plu vidis ŝin, nek proksime nek kie ŝin serĉis miaj okuloj. Vane mi kuris en ambaŭ direktojn — iom, ne tro! — sub la arkadoj... neniu patrino! Mi tiam decidis, neniel timante, reiri hejmen. Mi konis la vojon. Estis en aŭtuno, proksimume je la sesa. Jam malheliĝis. Tre klare mi revidas min, tre facile ŝovanta min inter la veturiloj por atingi la placon de la Konkordo kaj laŭiri la ĝardenon de la Tuileries. Neniam la placo ŝajnis al mi pli bela, nek pli granda. Senlima vasteco. Mi ne timis... aŭ mi timis nur ĉi tion: esti malkovrata kaj pridemandata. La du manoj puŝitaj ĝisfunde en la poŝojn de mia drapa palteto (ho! kiel bela ĝi estis kun siaj grandaj butonoj el gagato!) mi marŝis firmpiede kaj nerapidante, por ke la ĝuo daŭru pli longe. Mi estis tiel feliĉa kaj fiera. Mi diris al mi: « Mi estas infano perdita! en Parizo! preskaŭ nokte! Kaj malgraŭ tio mi reiras tute sola nenion demandante al kiu ajn. » Sed, patrino? Tiu malfeliĉa patrino? Nu, mi devas konfesi, ke mi ne estis pli maltrankvila, ol se ŝi estus tie. Mi estis eĉ kontenta pro ŝia foresto kaj ne unu sekundon venis al mi la ideo, ke ŝi povus konsterniĝi, eĉ iel malkvietiĝi. Mi pensis ke, ne plu vidante min, prudenta kiel ŝi estas, ŝi trankvile estis irinta hejmen, kiel mi. Kaj mi marŝis do tiel kvieta pri ŝia sorto, kiel pri la mia. Tamen, alvenante antaŭ la ferkrado de la ĝardeno, jam fermita kaj malantaŭ kiu gardostaris la tute nigra soldato, la koro batis al mi kaj mi plirapidis. Poste, mi rimarkis la minacantan silueton de la urba policisto, rekta en sia frako kun fiŝvostformaj baskoj. La tenilo de lia spado brilis ĉe lia kokso kaj lia dupinta ĉapelo ŝajnis fikse alceli al mi. Por eviti lin mi faris grandan ĉirkaŭiron. Pluveto, kiu piketis, ekfalis. La ekbruligisto de la gaslumoj kuris de unu lanterno al alia, portante sur la ŝultro sian lumbastonon ĉe kies fino mi imagis ke stelo estis fiksita.

Mi transiris la ponton ne kaptante la atenton de la nemultaj pasantoj. Mi volonte estus haltinta por rigardi la Sejnon, sed tial ke la randmureto estis pli alta ol mi, mi ne povis ĝin vidi. Unu momenton poste mi staris antaŭ nia domo, kaj, nun, mi ne kuraĝis reeniri. Kiel mi estos akceptata? Mi decidiĝis kaj mi apenaŭ trairis la pordegon duonmalfermitan, kiam granda krio aŭdiĝis: « Jen li! » La pordistinoj, nia servistino, kelkaj luantoj jam informitaj min ĉirkaŭis, min forlevis por ĵeti min en la brakojn de mia patrino, kiu, min kovrante per kisoj kaj ricevante la miajn, deklaris al mi:

— Ne! Ne! Mi ne plu amas vin!

Kiel mi pensis, ŝi esperis, ke eble mi jam rekte estis hejmenirinta kaj, antaŭ ĉiu serĉado, ŝi rapidis por certiĝi pri tio.

— Kaj do, vi bubaĉo, vi transiris la stratojn Tute sola?

— Tute sola!

— Se veturilo estus renversinta vin! Kaj li estas tute malseka! Ĉu vi ne estas malvarma?

— Ha! la infanoj! ĝemis la pordistino.

— Oni estus povinta lin ŝteli al ni, sinjorino, diris la servistino. Ciganoj...

Ciganoj! Sur la Placo de la Konkordo! Kaj sub la Imperia regno! Ĉu vi imagas tion al vi? Fine mi estis samtempe karesata, riproĉata kaj pardonata. Mia patro ne estis jam reveninta: oni promesis min, ke la aferon oni rakontos

al li nur la morgaŭon... aŭ pli malfrue, multe pli malfrue. Sed, la saman vesperon, kiam, tuj post la vespermanĝo, mi estis kuŝita kaj kovrita de mia patrino en mia blank-blua liteto lokita apud la ŝia, kaj kiam ŝi estis blovestinginta la kandelon kaj dolĉe ferminte la pordon dirante: « Dormu »... mi ne dormis.

Mi repasigis mian aventuron.

Infana dramo, oni diros, kaj seninteresa! Jes, sendube por la malfacilaj spiritoj, inter kiuj mi hezitas envicigi mian leganton, sed, kiel naive oni juĝas ĝin, tiu infana historio akiris tamen antaŭ miaj okuloj kaj precipe en la sekvantaj tempoj, sub la pripensoj de la matura aĝo, konsiderindan gravecon. Tiun de *okazintaĵo*. Sur la genuoj de mia patro, apenaŭ dujara, aŭskultante la tiktakon de la horloĝo, mi malkovris, ke *mi estis*, ke mi vivis, ke, ankaŭ mi, mi estis « malgranda besteto », lo grava evidente, sed estis ĉio. Kaj jen, el la nova fakto ke mi estis perdita en Parizo nokte, kaj ke mi revenis tute sola *ĉe min*, mi ekkonsciis subite pri mia individueco, pri la aparta persono kiu mi estas, nomo, antaŭnomo, aĝo kaj loĝejo: Henri, Emile, Léon Lavedan, kvarjara, loĝanta numero 2 placo de Palaco Bourbon. El kio mi de tiam konkludis, en multaj cirkonstancoj, ke estas kelkfoje necese sin perdi por sin trovi.

*El la unua ĉapitro de « Antaŭ la Forgeso », Rememoraĵoj de Henri LAVEDAN.*

Tradukis Frans Schoofs.

---

## KVIN JAROJ

La domon, la bienon ili vendis. Por ili jam sufiĉis la zorgado. Sufiĉis la kverelo kun la servistaro la malagrablaĵoj de l' dungo kaj maldungo.

Ili iom bedaŭris la belan farmon, la etan arbaron en la proksimo, sur kies maldensejo ili legis tiom da karaj libroj, manĝis tiom da karaj matenmanĝoj.

Kiam venis la aĉetanto, unuamomente etendis sin metala brako el ilia animo, por meti la fremdulon trans la pordon. Sed — mirinde — baldaŭ ili jam eĉ ĝojis por la pordofrapa nova vivo.

Ja grandioza ŝanĝiĝo proponiĝis en ilia sorto. Anstataŭ la eturba kaj farma vivo — ĉiuj koloro, ĝojo, diverseco de la grandurbo.

La infanoj jam havis postenojn, ili estis plenkreskaj. Ili ja ne vivis en lia luksa sorto, sed ili havis la ĉiutagan. La filoj kaj la bofiloj havis oficon, kie oni ne elpesas la oron amase, sed oni donas almenaŭ trankvilon por la vivo muelita apud la skribotablo. Por la okazoj de kripliĝo, maljuniĝo, katastrofo oni havis ŝancon de pensio. Je la unua de la monato oni bezonis nur paperon kaj krajonon. Iom da aritmetiko. Divido. Kaj ĉefe: disdivido. Kaj bele, glate fluetadis la riveretoj de l' tagoj.

Sekve la infanoj ne ektimis, kiam ilin atingas la projekto de l' vendo de la bieno.

— Tre ĝuste — ili diris, — Ili jam estas maljunaj. Ili jam sufiĉe laboris, sufiĉe penadis, nun do ili ankaŭ ĝuu iom. La vendoprezo reprezentas belan kapitalon, ĝia rento abunde sufiĉos por ilia vivo.

La maljunuloj do, akompanataj de la aproboj de l' junuloj, vendis la bienon

kaj transloĝiĝis en Budapeŝton. En la Maria-strato ili luis beletan duĉambran loĝejon. La infanoj vizitadis ilin, ili vizitadis la infanojn. La grandaj festoj ĉiam trovis la familion kune kaj kunbrakumis ilin.

La monon ili metis en grandan bankon. Estis grandioze eniri por la rentoj kaj scii, ke la kapitalo restas netuŝita, kaj eĉ kreskas, ĉar ankaŭ parto de la rentoj ĝin pligrandigas.

— Jes, mia kara, — diris la maljunulo — ĉi tion ni jam estus povintaj fari antaŭ longe. Tute alia estas tamen la vivo ĉi tie, ol hejme en vilaĝo, farmo.

— Sed sen tio ni jam estus enuintaj ankaŭ ĉi tion, — respondis la edzino. — Tiel ni almenaŭ povas fari komparon. Krome dum oni estas juna, oni nur laboru, zorgu, klopodu. Ni faris nian parton, la infanoj neniel povas nin riproĉi.

Poste la tempo komencis sin turni tiel, ke la mono fariĝis pli nervoza, ol la homoj. Foje ĝi kaŝiĝis tien, foje tien. Foje ĝi kaŝiĝis en tion, foje en alion. Nenie ĝi sin sentis sekura. Ĝi tremis kaj staris preta je salto, ĉu ĝi estis en la tirkesto, ĉu en la jakopoŝo, ĉu en la nepriirabebla ferokaso.

La homoj estis palaj, en la okuloj vibris stranga brilo, kaj bluaj ringoj sub la okuloj atestis la sendormecon.

La gemaljunuloj ĝemadis, ili ne manĝis, ne trinkis kaj ne dormis.

— Restis nenio por ni! — ploris la virino.

— Eh, kion vi scias! — malpacienciis la maljunulo. — Nur ne perdi la esperon. Kio restis, tio estas savita. Dum la nokto mi jam eĉ dividis ĝin. El ĝia rento ni ne povus vivi, sed la kapitalo sufiĉos por kvin jaroj. Modeste, malriĉe, sed honeste ni povos per ĝi vivi dum kvin jaroj.

— Kaj se ni plu vivos? — demandis la edzino ektiminte.

— Jen do, — klarigadis la maljuna sinjoro, glutante la ploron. Jen do la bazo de l' kalkulo. Ni ne vivos plu! Ĉu vi komprenas? Se Dio ne, do ni...

Fariĝis granda silento en la ĉambro. La pendola murhorloĝo, vidinta la malnovajn, feliĉajn kaj pacajn tagojn, ektiminte tik-takis super la komodo.

— Nenion stranga estas en ĉi tio — plektis plu la maljunulo, nun jam kun decida voĉo. — Verŝajne ni jam ne vivos eĉ kvin jarojn. Sed tiom ni tamen devas kalkuli. Por ke ni ne bezonu ion de la gefiloj, kiuj, la kompatindaj, ja nenion heredos. Dum la lasta jaro ni konsumos la lastan groŝon, poste ni bele kuŝiĝos kaj ne plu vekiĝos. Sed ĝis tiam nur bele, senzorge, pace. Kiel ĝis nun! Ni ne fuŝu la vivon. Ĉu bone?

La edzino ploris kaj signis per la kapo jese.

Ankaŭ la maljuna sinjoro plorspiris. Se oni pensas pri la morto, oni adiaŭas la vivon. Kaj ĉe la adiaŭo ne estas honte plori.

Ili ne plu parolis pri la afero. Ŝajnis, sentiĝis sur ili, ke la vagonaro de ilia vivo kuras laŭ nova veturplano, kies fora finstacio jam estas fiksita.

Ili enmetis sian monon en la bankon per kvin ŝparkaslibroj. Unu ŝparkaslibro signifis unu vivjaron.

Ili aparte ĉehavis monon, poŝmonon, por povi aĉeti ion, kion ili ekdeziris. Ĉar ankaŭ aparte ili kutimis foriri dehejme.

La maljuna sinjoro ŝatis promeni precipe antaŭtagmeze. Li iris al la bulvardo, ĝis la Boraros-placo, poste li iris laŭ la riverbordo ĝis la imposta domo, li ŝatis

la vivon de la Danuba bordo. La trenŝipojn, la fermuskolajn ŝipanojn, la ĉentintadon de la leviloj kaj la fruktofoiron.

La ĉagreno jam delonge forbloviĝis de ilia animo. En la vivo foje ĉiu atingas tion, ke ĉio estas memkomprenebla.

Dum pasis la jaroj kaj dum elĉerpiĝis la ŝparkaslibroj, ĉiam pli trankviliĝinte, ĉiam pli paciĝinte ili pensis pri la morto. Ili jam sciis paroli sen larmoj kaj ĝemoj pri la lasta decido, pri la enterigo, pri la tombmonumento, pri la funebro de l' gefiloj.

— Nu, ni havas ankoraŭ nur tri jarojn, — diris ridetante la maljuna sinjoro, kiam li enpoŝigis la duan ŝparkaslibron.

— Kiam vi elprenos la mono? — demandis lin la edzino.

— Morgaŭ. Hodiaŭ estas ankoraŭ bela vetero, estus domaĝe prokrasti la Danubbordan promenon.

La maljuna sinjoro ekiris, sed ne al la bordo de l' Danubo. Li prenis manplaton da mono el sia poŝo, kalkuladis, karesadis ĝin. Li estis kontenta.

Malrapide li iris antaŭ la domoj brilantaj en la sunlumo. Iom longa promeneto atendis lin ĝis la poŝtŝparkaso. Etan libron li prenis mistere en sia malantaŭa poŝo kaj enpaŝis tra la ĉefpordego. Sed li preskaŭ svenis. Lia edzino elvenis el la konstruaĵo. Ankaŭ ŝi havis etan libron en la mano.

Ili rigardis unu la alian. Estis malfacile ne ekploregi.

— Do?!...

— Jes, ankaŭ mi. Jes, ankaŭ vi, balbutadis la vortojn la maljunulo. — Ŝajnas, ni ambaŭ sammaniere kaŝadis la groŝojn, por povi akiri al la kvin jaroj iom da aldono. Ĉu vi venis piede?

— Kompreneble.

— Nu ankaŭ mi. Jen mia brako, kara edzino kaj ni ankaŭ reiru piede. Ankaŭ ĉi tio povas aldoni horon al tiu ĉi ĉagrene bela vivo.

Tradukis K. Bodo. TAMAS FALU.

(El « Hungara Antologio », kiun ĵus eldonis *Literatura Mondo*, Budapest.)

---

# ESPERANTO-RADIO-PROGRAMO

**kompilita de Internacia Radio-Servo, komisiita de I.C.K.**

*Adreso:* Joh. JUNGFER, *Lindenstr. 10, Lübben (Spreewald), Germanujo*

**Mallongigoj:** *Dimanĉo: D; Lundo: L; Mardo: M; Merkredo: Mk; Ĵaŭdo: J; Vendredo: V; Sabato: S; ĉiun duan Mk: 2.Mk: neregule, nekonata aŭ necerte: n.*

*Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalaĵoj donas informojn la naciaj Radio-gazetoj kaj « Heroldo de Esperanto ».*

**Radio-paroladoj en Esperanto:** Brno: S; Graz: J; Huizen: 2.S; Innsbruck: J; Kaunas: J; Klagenfurt: J; Leningrad: 2, 6, 9, 12, 16, 19, 22, 26 kaj 29 ĉiumonate; Lille P.T.T. Nord: D; Linz: J; Lyon-la-Doua: S; Marseille-Provence P.T.T.: 2.Mk; Minsk: N; Motala: 4.D; Salzburg: J; Stockholm kaj relajsoj: 4.D; Tallinn: M; Tartu: M; Radio-Côte-d'Azur: V; Wien: J; Zagreb: 2.S.

**Resumo pri la semajna programo en Esperanto:** Danzig: S: Heilsberg: S; Königsberg: S.

**Esperanto-kurso per Radio:** Lille P.T.T. Nord: D; Paris P.T.T.: J: Grenoble: J; Limoges: J; Radio-Côte-d'Azur: V; Le Hâvre: V; Ljubljana: L; Genève: J; Huizen: M; Lyon-la-Doua: D; Radio-Lyon: D; Sottens: J.

**Aŭskultu la Esperanto-dissendojn! Skribu al la Radio-sendstacioj!**

---

# BONHUMORO

JE NOVJARO. — *Bopatrino al sia bofilo:* Vi eĉ ne havis la afablecon prezenti al mi bondezirojn.

— Kial vi volas, ke mi mensogu jam la unuan tagon de la jaro?

La infanoj elkuras jubilante el la lernejo: estas libertago; hura! Dika Johano grumblas: Libertago? Mi do senutile lavis min hodiaŭ matene.

ANTAŬZORGE. — *La edzo:* Mi havas biletojn por la teatro.

*Sinjorino:* Ha! Tre bone. Mi tuj komencos vesti min.

*La edzo:* Bonege. La prezentado komenciĝos morgaŭ je la 8a.

NEKOMPRENEBLE. — *Bopratrino* (je vizito). — Mi demandas al mi kial Karolo tiel malfrue revenas hejmen hodiaŭ vespere.

*Sia filino.* — Mi tute ne komprenas, patrino; mi tamen telefonis kaj ja diris al li, ke vi estas tie ĉi.

REVENO DE EBRIULO. — *Voĉo el la fenestro:* Nu, kio? Ĉu vi ne havas la ŝlosilon?

*La ebriulo:* Jes, jes,... mi havas la ŝlosilon... sed... vi povus ĵeti al mi kelkajn serurojn.

BEDAŬRO. — Mia kara, kiam mi edziĝis, mi adoris mian edzinon; mi kredas, ke mi estus manĝinta ŝin...

— Kaj nun?

— Nun, mi bedaŭras, ke mi ne faris.

SPERTULO. — La aĝon de kokido mi diros al vi laŭ la dentoj.

— Sed kokido ne havas dentojn.

— Eble, sed mi havas!

MODERNA SERVISTINO. — Kiel? vi ne kapablas ion fari kaj vi postulas du cent frankojn ĉiumonate?

— Sed, Sinjorino, se mi kapablus ion fari mi postulus tri cent kvindek.

*Bobby:* Sciu patro, mi ne ploris ĉe la dentisto.

*La Patro:* Estas bone, vi estas kuraĝa hometo. Jen ŝilingo. Li ne tro suferigis vin, ĉu?

*Bobby:* Ho, ne!... li ne estis hejme.

DEMANDO KAJ RESPONDO. — Kio estas pacienco? demandas la instruisto.

— Iom atendi, Sinjoro instruisto, respondas unu el la buboj.

S-ino Higgins kvitas la lastan pagon por la infanveturilo, kiun ŝi kredite aĉetis jam antaŭ kelka tempo:

— Dankon, Sinjorino, diras S-ro Siubols la vendisto, mi esperas ke la infano bone fartas?

— Ho, jes, respondas S-ino Higgins: li edziĝas proksiman semajnon.

# DIVERSAJ INFORMOJ

DEZIRAS KORESPONDI kun belgaj samideanoj: S-ro Josef Sprušansky, Zupna 13, Komarno, Ĉeĥoslovakujo.

---

BICIKLU AL KOLONJO, tra Belgujo, kun gajaj gesamideanoj. Serĉas por siaj grupanoj kunvojaĝont(in)ojn S-ro F. Douglas Murphy, 54 Constable Road, Ipswich (Anglujo).

---

PRI VIZITO AL MUZEO. — Antaŭ nelonge, je libertempo en Antverpeno, mi vizitis la muzeon Plantin-Moretus, kun geamikoj. Surprizo tie min atendis: jam en la unua salono mi renkontis nian samideanon S-ro Van Haesendonck, tre kompetenta oficisto-gardisto en tiu muzeo. Li agis por ni plej ĉarme kaj bonvole. En Esperanto li donis ĉiujn klarigojn, kiujn vizitanto povas imagi. Dum tuta horo ni « pendis ĉe lia buŝo », ni preme sekvadis lin, unuvorte ni vere ĝuis lian sperton. Mi dankas lin plej kore ĉi tie kaj rekomendas al ĉiu viziti tiun interesan muzeon. La Esperanto-grupoj ne perdos organizante por siaj membroj viziton al ĝi. Ili anoncu sian alvenon kelkajn tagojn antaŭe al la suprecitita samideano kaj li gvidos ilin tra la diversaj belegaj kolektoj de la antverpena muzeo. *Kapitano M. Van Wanseele.*

---

FLORBULBOJ KAJ PLANTOJ. — La firmo C. A. Juffermans, Hillegom (Nederlando) publikigis ampleksan prezoliston en Esperanto pri siaj bulboj kaj plantoj por ĉambra kaj por plenaera kulturo. La interesiĝantoj petu ĝin.

---

TUTREGIONA KONGRESO de la Esperantista Federacio de Norda Francujo okazos la 1-2 Julio 1933 en Dunkerko ĉe Norda Maro. La situo de tiu tre grava haveno multe favoros la aliĝon de anglaj kaj belgaj samideanoj. Kaj oni povas antaŭvidi ke tiu kunveno estos kvazaŭ internacia kongreseto. La aliĝo kostas 14 belg. Fr., kiujn oni povas pagi al la poŝtĉekkonto N-ro 545.74 de S-ro Paul Benoît, Oostduinkerke, kiu ankaŭ volonte havigas ĉiujn aliajn informojn pri la programo, k. c.

---

INTERLERNEJA KORESPONDADO INTERNACIA. — Kiu sin interesas pri korespondado inter diverslandaj infanoj, instruistoj aŭ lernejoj sin turnu al F-ino Maria Moelke, Stindestrasse 12, Berlin-Steglitz, kiu havigos ĉiujn necesajn informojn.

---

BELA KURAĜO. — Ni ricevis Esperante redaktitan propagandilon por Volapük, la mondlingva projekto iam prezentita de Pastro Johann Martin Schleyer (1831—1912). La presaĵo sciigas, ke unu horo ĝenerala sufiĉas por lerni la tutan gramatikon de Volapük; kelke da tagoj por legi, kelka da semajnoj por skribi kaj kelke da monatoj por paroli tiun lingvon, kiu — ĉiam laŭ tiu presaĵo — estas vere simpla, mallonga, belsona kaj internacia en siaj elementoj. Kaj por montri tion oni ekscias, ke *fat* signifas « patro », *flen* « amiko », *nat* « naturo ». Kristalhela estas la jena frazo: *Oksev cibinom stab gudikün tugas valik* aŭ « La kono de si mem ĉiam estis la plej bona


"His Master's Voice"

# REKOMENDATAJ HOTELOJ

ANTVERPENO:

**De Witte Leeuw,** 4 Frankrijklei. Tel. : 373.21.
**Monopole,** Statiestraat, 21. Tel. : 267.15.
**Progrès,** De Keyserlei, 61. Tel. : 353.81.
**Roi Albert,** Place de la Gare, 44. Tel. : 217.60.

BRUSELO:

**Brasserie du Sac,** Grand'Place, 4. Tel. : 12.62.25.
**Hôtel des Négociants,** rue de la Fourche, 17. Tel. : 12.69.23 & 11.08.44.
**Hôtel de l'Espérance,** Pl. de la Constitution 14. Tel. 11.27.91.
**Grand Hôtel G. Scheers,** Boul. Adolphe Max. Tel. 17.77.60 ĝis 62.
**Grand Hôtel des Colonies,** rue des Croisades 2. Tel. : 17.00.94.

GENTO:

**Hôtel de lYser,** 65 Flandra strato. Tel. : 110.91.
**Hôtel Terminus,** Placo Marie Henriette. Tel. 110.45.

NINOVE:

**Hôtel de l'Etoile,** Place de la Station. Tel. : 19.

OSTENDO:

**Hôtel Vroome,** 20 Bulvardo Rogier. Tel. 37.

fundamento de ĉiuj virtoj » kaj kiu ne tuj komprenus, kiam oni demandus al li *no löfof-li obi?* « ĉu ŝi ne amas min? ». Sed tamen interesa estas la informo, ke « kiu volas vidi la plej entenan volapükbibliotekon, kiel ankaŭ la tutan literaturan heredaĵon de ĝia eltrovinto, povas fari tion en Eschen, ĉe S-ro Jakob Sprenger, la posedanto de l'volapükmuzeo », kie oni ankaŭ povas akiri vortolibrojn kaj gramatikojn. Tio eble interesas la studantojn pri la problemo de la internacia lingvo kaj la kolektemulojn. Dume ni admiras la kuraĝon de la modernaj propagandistoj de la respektinda Volapük.

—

LA A. S. CENTRA ESPERANTO-LIBREJO, HAGO, en la jara ĝenerala kunveno de siaj akciuloj, okazinta la 18an de Februaro, fiksis la dividendon pri 1932 je 6 ½ %. Kiel komisaro estis elektita S-ro N. de Boer.

El la plia profito ĝi donacis 65.23 guld. al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, Genève.

—

INTERNACIA ESPERANTO-KURSO por la geoficistaro de Poŝto, Telegrafo kaj Telefono estas organizata de la Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-oficistoj (ILEPTO) kaj la Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, en kunlaboro kun la Ĝenerala Direkcio de la Nederlanda P.T.T. Ĝi okazos en la Esperanto-Domo en Arnhem (Nederlando), dum la tagoj 21 Junio—1 Julio 1933.

Kurskotizo estas: 5.— ned. guldenoj, por pluaj anoj de la sama familio nur 3.— guld.

La kursanoj povos loĝi en la hotelo de la Esperanto-Domo. La Ĝen. Direkcio de la Nederlanda P.T.T. decidis doni ekstrajn libertagojn al tiuj, kiuj intencas partopreni en la kurso.

Adreso por aliĝoj kaj informpetoj: Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Oostduinlaan 32, Den Haag, Nederlando. (Poŝtkonto: Den Haag 162626).

—

KONKURSO POR ESPERANTISTOJ DE LA TUTA MONDO. — Redakcio kaj sekretaria oficejo de STAVOVSKA REFORMA en Praha I. Konviktskâ 5. Ĉeĥoslovakujo aranĝas por esperantistoj de la tuta mondo la konkurson kun la jena temo: KIA PROCEDO ESTAS NECESE ELEKTI, POR ATINGI LA MONDAN HARMONION EN SFEROJ: NACIA, INTERNACIA, EKONOMIA, POLITIKA KAJ RELIGIA.

Temo de la konkurso bazas en nuna ekonomia situacio, dum milionoj da homoj suferas de senlaboreco, de politika kaj religia netoleremo, de ekonomia krizo, de nesufiĉa organizo en sfero de internacia kunlaboro, sen kiu estas la internacia konkordo nepensebla.

La tempo de konkurso finas la 1 de Septembro 1933. La plej bonaj laboroj estos rekompencitaj per jenaj premioj: 1a premio Kĉ. 500; 2a premio Kĉ. 300; 3a premio Kĉ. 200. Krom tio estos 100 la plej bonaj laboroj rekompencitaj per valoraj memoraĵoj el Ĉeĥoslovakujo (filatelio, albumoj, bildoj, libroj). Aliajn informojn oni petu ĉe la suprecitita adreso.

—

INTERNACIA POLICA LIGO. — La Amikaro de policanoj esperantistaj de Francujo starigis komision, prezidatan de S-ro MOUTON, Conseiller d'Etat, Prezidanto de la Internacia Polica Ligo, kiu celas studi, kune kun la kom-

petenta polica administracio, la demandon pri uzado de Esperanto en la policaj servoj kaj precipe por la internaciaj rilatoj (Internacia Kriminalkomisio kaj Radio-Polico).

La policaj administracioj kaj policistoj ĉiulandaj estas petataj sendi ĉiujn utilajn sciigojn kaj informojn pri uzado de Esperanto en policaj servoj kaj la movado de E. en la policaj rondoj al nia delegito por Francujo: S-ro Schwartz, Inspecteur de police spéciale, STRASBOURG (Francujo), 10, rue Engelhardt ŝarĝita redakti kompletan dukomentaron pri la demando.

Tiu dokumentaro presota estos je la dispono de ĉiuj kolegoj kontraŭ alsendo de respondkupono.

Policanoj kaj kolegoj de sekurecaj administracioj helpu nin por redakti rapide tiun dokumentaron kiu devas favore influi la policajn administraciojn ĉiulandajn.

INTERNACIA POLICA LIGO (Gazetservo), A. POHLE, liga redaktoro.

—

LA LERNEJO POR INSTRUO PER KORESPONDADO « MONDO », De Bruynlaan, 44, Antverpeno-Wilryck, eldonas de Oktobro 1932 monatan gazeton hektografiitan, kun tekstoj en lingvoj flandra, franca, angla, hispana, germana kaj Esperanto. La abono kostas Fr. 10,—. Senpaga por la lernantoj de la lernejo.

—

LA BULTENO DE LA FRANCA KOMERCA ĈAMBRO DE LONDONO (N-ro Nov. 1932) publikigis kvinpaĝan artikolon en franca lingvo kaj en Esperanto pri la antaŭ nelonge inaŭgurita margiganto « Normandie », la plej juna poŝtŝipo de la franca ŝipkompanio Comp. Générale Transatlantique.

—

LA GAZETO « OOMOTO INTERNACIA » nun aperas pligrandformate (20 × 27 cm.) kun 50 paĝoj. La abonkotizo nun estas 1 usona Dolaro. Adreso: Oomoto Centra Oficejo, Kameoka, Kioto-hu, Japanujo.

—

POR VIA LIBERTEMPO: ĈU VI DEZIRAS... PLEZURON?... RIPOZON? SANON? Tiam elektu por via restadejo, dum la somera sezono unu el la banlokoj: La Panne — Coxyde — Oostduinkerke, kie jam multaj samideanoj el diversaj landoj restadas. Petu ĉiujn informojn de S-ro P. Benoit, delegito de U. E. A., en Oostduinkerke.

—

GAZET-SERVADO POR SOCIAJ ASEKUROJ estas titolo de monate aperanta Bulteno, kiu enhavas aŭtentikajn informojn, raportojn kaj referatojn pri asekuro sociala, el kaj pri diversaj landoj. Interesiĝantoj sin turnu al la redaktejo: S-ro Fritz Bohlmann, Krumme Str. 87, Berlin Charlottenburg 1. (Germanujo).

—

LA RADIOSTACIO DE VARSOVIO okazigas regule de Novembro pasinta radioparoladojn en Esperanto la duan merkredon de ĉiu monato je la 22h.40 ĝis 22h.55. La 9an de Nov. parolis S-ro Hodakowski pri: Festo de sendependeco en Polujo; la 14an de Dec. Prof. O. Bujwid pri: Doktoro Lazaro Ludoviko Zamenhof.

# BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko n° 1689.58.*

*DE PAGO AL PAGO. Literaturaj Profiloj de Ludoviko Totsche. Formato 13×20 cm. Paĝ. 120. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. Prezo: bind. 0,80, broŝ. 0.50 dol. Usonaj, plus 10 % por sendkostoj.*

Totsche donas al ni kolekton de kritikoj pri la verkoj kaj la verkado de Baghy, Bodó, Dresen, Engholm, Forge, Hohlov, Kalocsay, Robinson, Schwartz, Sturmer, Szilagyi. Interese estas aŭdi la opinion de la aŭtoro pri la diversaj priparolitaj libroj kaj verkistoj ĉiuj bone konataj de la Esperantistaj legemuloj. Kvankam pri diversaj punktoj iuj certe tute alie juĝos la recenzitajn verkojn, oni tamen devas laŭdi la provon de Totsche, kiu celas pripensigi la Esperantiston pri liaj aŭtoroj, inciti al komparo de ilia reciproka valoro kaj tiel rafini la guston, altigi la postulojn rilate al la arta nivelo de nia literaturo, stimuli la verkiston al pli granda severeco pri li mem kaj lia produktado. Laŭ tiu vidpunkto la verketo de Totsche estas leginda kaj proponas al la Esperanta kritikistaro ekzemplon imitindan.

*ESPERANTO-WOORDENBOEK door A. G. J. Van Straaten. Deel I Esperanto-Nederlandsch. Deel II Nederlandsch-Esperanto. 134 kaj 554 paĝoj 19×13,5 cm. Eldonis W. J. Thieme & Cie. 1933. Prezo: Fr. 70,—. Mendebla ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno.*

Ni senrezerve povas diri, ke tiu vortaro forigas mankon inter la Esperantistoj en la flandra parto de nia lando. Ĝis nun ni ne disponis vortaron kiom eble plej kompletan, en formato granda kaj kun literoj klaraj, legeblaj eĉ de malfort-okulaj uzantoj. Per la eldono de tiu ĉi verko ni posedas, se ni povas tiel nin esprimi, la pupitran kaj la poŝan materialon. La libro enhavas ne nur la tradukon de apartaj vortoj en iliaj gramatikaj funkcioj kaj signifoj, sed ankaŭ multnombrajn esprimojn kaj proverbojn, kiuj ne estas tradukeblaj laŭvorte. Laŭ eldona kaj presa vidpunktoj la libro estas senriproĉa: eleganta litertipo sur bona papero en fortika tola bindaĵo! La prezo estas proporcia al la vera valoro de la tuto. Ni ne dubas, ke la vortaro sin montros la taŭga helpanto de ĉiu lernanto kaj uzanto de Esperanto.

*ESPERANTO LEHRBUCH. Nach grammatikalischer Lehrmethode. (Esperanto-Lernolibro: laŭ gramatika instrumetodo.) Formato 13×18 cm. Prezo 1 Germ. Marko. Eldonis Arbeiter-Esperanto-Bund für die Deutschen Sprachgebiete Berlin C 25.*

Verkita en simpla lingvo kun multaj gramatikaj klarigoj, la libreto ŝajnas al ni taŭga por instruado en laboristaj rondoj. La aŭtoro(j) tamen montras la emon nenecese kompliki la lingvon. Ni rimarkas la prepozicion kontraŭ kun akuzativo superflua en sekvantaj ekzemploj: *p. 54 rimedo kontraŭ malsanon, kiu estas kontraŭ min.* Same « *tra* » kun superflua akuzativo: *p. 67 rigardi tra la fenestron.*

Oni ne emu korekti la Fundamenton, kiu donas tute similajn ekzemplojn kun simpla nominativo: *kondukis tra la stratoj § 22.14; iras tra la fenestro § 25.29; Trairi tra nia mallarĝa pordo § 33.2; vojeto kondukas tra tiu ĉi kampo al nia domo.* Pri *kontraŭ*: *havis malamon kontraŭ la pli juna § 13.1; batalis kontraŭ niaj malamikoj § 39.14.*

Ni same rimarkas eraran uzon de *po*, en la frazo p. 76: *laboristoj laboras nur 6 horojn po tage.* Tie oni devus havi: *laboras po ses horoj tage, (por tago aŭ ĉiutage).* La prepozicio *po* estas uzota antaŭ la variebla kvanto: *po 6, po 8, po 10,* kaj ne antaŭ la fiksa unueca ideo: *por (ĉiu) tago, por (ĉiu) jaro, por (ĉiu) infano.* Vidu Fundam.: *po 3 pomoj al ĉiu el la infanoj § 15.14; po 10 paĝoj en ĉiu tago § 15.16.*

*RIO DE JANEIRO. Ilustrita gvidlibro pri Rio de Janeiro, eldonita de « Touring Club do Brasil » (Av. Rio Branco 137-6°) kun tekstoj en kvin lingvoj (portugala, franca, angla, hispana kaj Esperanto).*

Ĉiu, kiu sendos respondkuponon al Brazila Ligo Esperantista (Av. Marechal Floriano 212, Rio de Janeiro, Brasil), ricevos ekzempleron de tiu belega ilustrita gvidlibro.

*INTERPAROLADOJ (Nederlandaj—Esperantaj) SPREEKOEFENINGEN (Nederlandsch—Esperanto de A. J. Witteryck. Formato 13×20 cm. Paĝ. 86. Prezo broŝ. B. Fr. 5,— (unu Belgo). Nova Eldono de la Aŭtoro.*

*INTERPAROLADOJ (Francaj—Esperantaj) CAUSERIES (Français—Esperanto) de A. J. Witteryck. Formato 13×20 cm. Paĝ. 86. Prezo broŝ. B. Fr. 5,— (unu Belgo). Nova Eldono de la Aŭtoro.*

Tre interesaj lernolibroj uzeblaj kun granda utilo en kursoj de progresintoj por facila akiro de riĉa vorttrezoro lerte plektita en mallongaj ĉiutagaj frazoj. Okaze de bondezirita nova eldono kelkaj eraretoj en la esperanta samkiel en la nederlanda frazkonstruo estus forigindaj.

*VOCABULAIRE DE POCHE FRANÇAIS—ESPERANTO suivi d'un AIDE MEMOIRE ESPERANTO—FRANÇAIS. Poŝvortaro franca—esperanta, kun memorigilo Esperanta—franca de Louis Bastien, Membro de Lingva Komitato. Fomrato 9×12 cm. Paĝ. 127. Eldonis Librairie Centrale Espérantiste, Paris. Prezo broŝ. B. Fr. 5,—.*

Tiu vera poŝformata vortareto estos tre utila al ĉiu Esperantisto kiu volas ĉiam havi kun si memorigilon aŭ kontrolilon pri iu ne, aŭ nebone konata vorto. La preslitero estas klara kaj la ĝenerala aspekto de la libreto estas tre plaĉa.

*BENSONA UNIVERSALA ESPERANTO-METODO enhavanta kompletan rektan lernolibron, ampleksan ilustritan legolibron, universalan multlingvan bildvortaron, de D-ro Benson. Formato 17×23.5 cm. Paĝoj 560. Prezo bind. 4 usonaj Dol. Eldonis Benson School of Esperanto, Newark.*

Tiu monumenta kartonita libro enhavas kvar partojn. La unua donas la gramatikon laŭ bilda metodo kun klarigoj sisteme orditaj. La dua parto estas la krestomatio prezentanta grandan kvanton de elektita materialo ĉerpita el ĉiuj fontoj. La tria parto estas vortaro de la Esp. radikoj klarigataj le per bildoj, 2e per teksto esperanta, 3e se necese, per traduko en 40 lingvojn. La kvara parto estas kompilado de samspecaj vortoj en 100 listoj.

La tuta verko prezentas grandegan sumon de laboro kaj estas neelĉerpebla lingvo-trezoro prezentita al la Esperantisto, kiu, eĉ se progresinta, certe ankoraŭ trovos en ĝi ion lerneblan. La bilda metodo havas tiun avantaĝon, ke ĝi estas grandega helpo por la memorigado de ne oftaj vortoj. Ekestas « asocio de ideoj» inter la vidita bildo kaj la legita teksto kaj la rememoro estas des pli faciligata.

Pri la korelativoj, D-ro Benson eltrovis la historion pri S-ro IKITI kaj S-ino ĈINENI kaj rakontas ke « pro AM-O/AL/ES-A-U/OM-EL-E mortis ». En alia historio pri la Lando de la naŭ dioj kaj kvin gereĝidoj, la signifo de ĉiuj kunmetaj elementoj estas interese klarigata tiel, ke la lernanto facile memoras. Tiu mnemoteknika metodo uzata en kursoj agrabligos la lecionon kaj interesos la lernantojn pri tiu iom seka parto de la gramatiko.

Estus mirige se en tia kolosa laboro ne troviĝus kelkaj eraretoj: ni citu: *P. 238 « aktuale »* ne signifas *« efektive »* sed *« nune ». P. 242 « profesionala » (sub « amatoro »)* por *« profesia ». 326 « ĝeniulo »* por *« ĝenulo » (sub ĝenimalhelpi) « ĝeniaĵo »* por *« ĝenaĵo ». P. 278 « denunciulo »* por *« denunculo ».*

La traduko en 40 lingvoj estas grandega entrepreno kaj ni nur bedaŭras, ke por la Nederlanda lingvo ĝi ne estas ĉie egale prizorgita. La distingo inter holanda n-ro 10 kaj flandra n-ro 30, — du nomoj por fakte unu lingvo — kondukas al arbitra erariga diferencigo de multaj tradukoj, kaj en aliaj la vortoj proponitaj estas simple ripetadoj aŭ sinonimoj. Kelkaj ekzemploj:

Festeno: Hol. *smullen*, Fl. *banketteeren*; libera: Hol. *vrij*, Fl. *vrank*; konsili: Hol. *raadgeven*, Fl. *raden*; fidi: Hol. *vertrouwen*, Fl. *zich vertrouwen*;

fidela: Hol. *vertrouwen*, Fl. *trouw*; treni: Hol. *slepen*, Fl. *trekken*; precipe: Hol. *vooral*, Fl. *voornamelijk*; tritiko: Hol. *weit*, Fl. *weit*; montri: Hol. *vertoonen*, Fl. *toonen*.

Resume D-ro Benson plenumis gigantan klopodon por provizi la Esperantistaron per nova instruilo, kiu en inteligentaj manoj kondukos al mirigaj rezultatoj. Ni gratulas lin pro lia entreprenemo kaj deziras al la verkego la sukceson, kiun ĝi plenrajte meritas.

*ESPERANTO-SVEDA VORTARO. Paul Nylén. Eldona Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo. 232 paĝ. Prezo: broŝ. sved. kr. 3,75, bind. 5,—.*

La floriĝo de la esperantomovado en Svedujo havis i.a. la sekvon, ke la esperanto-sveda vortaro de G. H. Backman, la mortinta esperantopioniro sveda, elĉerpiĝis. La gravan taskon de ellaboro de nova vortaro ricevis la Lingva komitatano kaj akademiano Paul Nylén. Inter la svedaj esperantistoj li estas la plej granda aŭtoritatulo. De post la jaro 1892 li partoprenis la esperantolaboron, kaj estis jam en la jaro 1896 kunredaktoro de Lingvo Internacia, tiam eldonata en Upsala, Svedujo. Por la esperantistaro sveda lia nun eldonita verko havas tre grandan valoron, ĉar li majstras egale bone la svedan kaj la esperantan lingvojn. Ne nur la nun vivantaj esperantistoj svedaj, sed ankaŭ venontaj generacioj ĝuos la fruktojn de la multjaraj studoj kaj laboroj de s-ro Nylén.

La oficialaj vortoj estas signitaj per steleto. Sub la radikvortoj, speciale la plej gravaj, sekvas la plej ordinaraj derivaĵoj kaj kunmetitaĵoj klarigitaj per multaj bonegaj ekzemplej.

*SVEDA SLOSILO. (10-a eldono. 120-140aj miloj.)*

La naŭa eldono, 20.000 ekz., elĉerpiĝis en unu jaro. Eldonanto estas Eldona Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo, laŭ permeso de ICK. La prezo estas 0,10 sved. kr.

*SISTEMA KURSO DE ESPERANTO. H. Seppik-Ernfrid Malmgren. Eldona Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo. Prezo: sved. kr. 0,75.*

La unua eldono de tiu ĉi lernolibro, 5.000 ekz., aperis en julio 1932 kaj elĉerpiĝis en 6 monatoj. Tio montras, ke la libro estas tre ŝatata. La dua eldono estas prilaborita de s-ro Malmgren.

Unualoke la libro estas verkita por rektmetodaj kursoj, sed ĝi enhavas gramatikajn klarigojn en sveda lingvo sufiĉaj por memstudado. Krom la malalta prezo la simpla kaj amuza teksto de la libro estas kaŭzoj de la sukceso.

*ESPERANTO-SLEUTEL. Eldono flandra de la ĉie konata « Ŝlosilo », enkondukita antaŭ multaj jaroj de Cefeĉ, prilaborita de Fr. Schoofs. 32 paĝoj. 7,5×11,5 cm. Prezo: 0,50. (Minimume 10 ekz.: Fr. 0,35.) Unua eldono: 1933. 1-10a Milo, prizorgita de Belga Esperanto-Instituto, S.K., Antverpeno, je komisio de Belga Ligo Esperantista kaj sub la aŭspicoj de Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado.*

Tiu libreto estas unu el la plej trafaj propagandiloj por nia lingvo. Ĝi enhavas la tutan gramatikon de la lingvo, sufiĉe ampleksan vortaron Esperanto-flandran, per kiu oni povas lerni la kutiman vortaron por ĉiutaga uzo, kaj apartan liston de komercaj vortoj ekzamenitan de la sekcio por teknikaj vortaroj komisiita de la Esperantista Akademio. La devo de ĉiu grupo kaj de ĉiu Esperantisto estas: posedi kelkajn ekzemplerojn de tiu ŝlosilo, kiujn li daŭre prete tenas por propagando facila kaj nemultekosta.

*GVIDILO TRA LA ESPERANTO-MOVADO de G. P. de Bruin. 48 paĝoj 12,5×18,5. Eldonis: 1933. Sennacieca Asocio Tutmonda, Parizo. Prezo: Fr. fr. 4.*

Ĉi tiu libreto donas informojn pri la Universala Esperanto-movado ĝenerale, kaj pli detale pri la laboristaj, sennaciecemaj kaj proletaj organizaĵoj en ĝi.

*MERKADO LA AZENPELISTO, Romano de Naum Jeruŝalmi, el la hebrea originalo tradukis kaj komentis Levi Wiener (Leono Vienano). 142 paĝoj 19×14 cm. Eldonis 1933: N. Szapiro, Warszawa, Nowolipki 8. Prezo: broŝ. Sv. fr. 2,—; bindite: Sv. fr. 3,—.*

Laŭ la antaŭparolo de la tradukinto, tiu estas la unua romano Esperante tradukitan el la moderna hebrea literaturo. La libro enhavas dediĉoportantan portreton kaj aŭtobiografion de la aŭtoro. La legado de la verko estas interesa. La traduko bona.

*LA LIBERECANA SOCIO de Georgo Bastjen (Bastien). El la franca lingvo tradukita de Alberto Ozre. 54 paĝoj 11×17 cm. Eldonis: Eldona Fako Kooperativa de Sennacieca Asocia Tutmonda, Paris-Leipzig: 23 rue Boyer, Paris-20. Prezo: RM. 0,60.*

La libro enhavas analizon kaj informojn pri la liberecanaj principoj kaj pri la liberecana komunismo. La rolo de nia revuo ne estas, priparoli ĉi tiujn principojn. Ni nur konstatu ke la lingvo uzata estas klara kaj korekta. La libreto estas nova dokumento pri la uzado de Esperanto.

*AL LA HOMOJKONECO! Enkondukskribo kun bildoj. Komunikc krimulojstudaĵoj. Longjaraj studadoj kaj multnombraj spertecoj de W. Veith. Tradukita de Vincenz Wachutka. 16 paĝoj 15×9,5 cm. Prezo: Fr. 4,25. Memeldono: W. Veith, Restanta Poŝto, Mittelwalde, Pr. Schles., Germanujo.*

La titolo klarigas la celon de la aŭtoro, al kiu ni rekomendas ke li estonte sin turnu al pli kapabla tradukanto por siaj venontaj Esperanto-eldonoj.

*SLOSILO DE ESPERANTO EN ARABA LINGVO, laŭ la norma de I.C.K., 54 paĝoj 11×7,7 cm. Mendebla ĉe S-ro Fahim Harfouche, Port-Said.*

*XXIV-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO KAJ SOMERA UNIVERSITATO. Parizo 30 Julio-6 Aŭg. 1932. KONGRESA LIBRO. 36 paĝoj 20×12,5 cm. Eldonita de la Loka Kongres-komitato.*

Enhavas la programon de la Pariza kongreso kaj la portretojn de la organizantoj.

*FREMDVORTOJ EN ESPERANTO. 15a Regulo de la Fundamenta Gramatiko de Teorio kaj Praktiko. Studo de Paul Neergaard. 64 paĝoj 12×17 cm. Eldonis: Sennacieca Asocio Tutmonda. Eldona fako Kooperativa. Parizo. Prezo: Fr. Fr. 4,80. B. fr. 7,—.*

La celo de la aŭtoro estas, fari gvidilon pri esperantigo de fremdvortoj laŭ la 15a regulo de la Zamenhofa Fundamento, sinoptike pritraktante la diversajn konsiderojn, kiujn oni devas fari en la aplikado de tiu regulo. Li pritraktas ĉefe la naturon kaj la fontojn de la fremdvortoj kaj la starigon de principoj aplikeblaj je elekto de Esperanto-formoj de fremdvortoj.

*LA MORTO DE SMAIL-AGA CENGIJIC. Heroa Eposo Kroata de Ivan Mazuraniĉ. Rajtigita traduko kun antaŭparolo kaj klarigoj de Mavro Spicer. 76 paĝoj 21×13,5 cm. Eldonis: 1933 « La Suda Stelo ». — Presejo Vilim Buk. Slav. Brod, Jugoslavujo. Prezo: Sv. fr. 3,—.*

Bona traduko de unu el la plej belaj naciheroaj eposoj. Ĝi ne nur plenumas literaturan taskon sed ĝi plie estas kulturhistoria dokumento por la aliaj landoj, kiuj nur malmulte estas informataj pri la malfacila vivo de la sudslavoj en la pasintaj tempoj. La eldono de la libro estas tre zorgita. Ĝi enhavas kelkajn belajn ilustraĵojn, nome tiujn el la unua ilustrita eldono de la originala verko, en la jaro 1870.

*PALLIETER. De Felix Timmermans. El la flandra lingvo tradukis Jan Van Schoor. 193 paĝoj 22×15 cm. Eldonis 1933: W.J. Thieme & Cie, Zutphen. Prezo: broŝ.: Guld. 2,25; bind.: Guld. 2,90.*

Bela Esperanto-traduko de la jam en multaj aliaj lingvoj tradukita verko de Felix Timmermans, kiu multe helpos al pli universala diskonigo de la talento de tiu flandra rakontisto. Tiu volumo honore pliriĉigas la flandran fakon en la Esperanto-librotrezoro.

---

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.